


Año V (N.º 56-57)

Núms. 8-9

AGOSTO SEPTIEMBRE 1953

RUZAFA, 7
VALENCIA
(ESPAÑA)

# BOLETIN

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

## LA HISPANA ESPERANTISTARO EN SIA 14ª KONGRESO

# COMITÉ DE HONOR

**_del XIV Congreso Español de Esperanto_**
**_celebrado en Bilbao durante los días 7 - 8 - 9 - 10 de Agosto de 1953_**

*Excmo. Sr. D. Genaro Riestra Díaz*
**Gobernador Civil de la provincia de Vizcaya.**

*Excmo. Sr. D. Jose-María Ruiz Salas*
**Presidente de la Excma. Diputación Provincial de Vizcaya.**

*Excmo. Sr. D. Joaquín de Zuazagoitia*
**Alcalde-Presidente del Excmo. Ayuntamiento de Bilbao.**

*Excmo. y Rvdmo. D. Casimiro Morcillo* - **Obispo de Bilbao.**

Los congresistas fueron amablemente recibidos y obsequiados por el Sr. Alcalde, en el hermoso salón árabe del Ayuntamiento, encontrándose presente en dicho acto, junto con otras representaciones oficiales, el Sr. Comandante Militar de Marina

# OTRO CONGRESO Y OTRO ÉXITO

**El décimo cuarto Congreso Español de Esperanto, organizado bajo los auspicios de la Federación Esperantista Española, y llevado a cabo por la recientemente formada agrupación de Bilbao, fué un clamoroso éxito de organización, que categoriza a sus promotores como artífices de primera magnitud, para tales tareas; todo estuvo maravillosamente planeado y todo se realizó con pleno acierto.**

**Los esperantistas españoles, y muy especialmeute los que tuvieron la dicha de asistir al Congreso, proclaman su profundo agradecimiento a las dignísimas autoridades de Bilbao, a la Comisión organizadora y a todos los esperantistas bilbaínos, que tan hidalgamente se comportaron con los centenares de congresistas, españoles y extranjeros, que jamás olvidarán los maravillosos días de estancia y esparcimiento en el noble país vasco, laborioso y jovial en grado sumo.**

**El Congreso de Bilbao ha tenido una alta significación. Aparte de ser un fuerte aldabonazo al somnoliento interés por el Esperanto en el norte de España, y que ahora despierta con inusitado brio, nuestra última demostración ha sido la prueba de la madurez de nuestro movimiento, de su reconocimiento por parte de las autoridades, y el exponente de nuestra aportación a la actualidad cultural española, como estudio a las deliberaciones de la U. N. E. S. C. O. en Montevideo. Para nosotros, los esperantistas, el Congreso ha sido, sobre todo, el motivo de ofrecernos la insuperable satisfacción de establecer cordiales relaciones con nuevos «samideanos», y la no menos reconfortante de abrazar a antiguos esperantistas, fortaleciendo, así, el círculo de nuestra gran familia. Cortos --muy cortos-- fueron los días de Bilbao, pero nuestro afectuoso recuerdo perpetuará, día tras día, a personas, conversaciones y actos, nutriéndolos con la esperanza de revivirlos, con igual provecho, en el Congreso del próximo año, en Zaragoza, la hidalga capital aragonesa.**

## EL CAMPAMENTO ESPERANTISTA

También este año hubo TENDARO (campamento); fué instalado en el campo de fútbol de Mallona, situado en un pintoresco lugar de las alturas de Begoña, muy cerca del ascensor, lo que aumentó las comodidades de toda la instalación, por la facilidad de poderse desplazar, en pocos minutos, al centro de Bilbao. Los servicios higiénicos y sanitarios del campo estuvieron a la disposición de los acampados, en los que figuraban varios extranjeros, que manifestaron su complacencia y su agradecimiento a los directivos de la entidad deportiva, por su gentileza, y a la Comisión Organizadora del XIV Congreso Español de Esperanto, por su acierto en la elección del lugar

**La asistencia a un Congreso de Esperanto disipa toda clase de dudas**



**SANA MANIFESTACIO DE AKTIVA EFEKTIVA EKZISTO ESTIS LA**

# 14ª HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

**Gajnante meriton antaŭ la aŭtoritatoj kaj simpation antaŭ la popolo, la nacia kunveno de la hispana esperantistaro tiris la publikan atenton pro siaj 310 partoprenantoj el 392 aliĝintoj (inter ili 51 eksterlandanoj). Sur plej diversaj lokoj, la tempo estis ekstreme profitata en lerta distribuo por amuzo kaj laboro. La venontjara festo okazos en Zaragozo, citadelo de la obstino**

Ĉe la sojlo de la Granda Semajno de Bilbao jam okazis la 14ª Hispana Kongreso! Kaj ĝi okazis sukcese, laŭ la normoj kaj reguloj de perfekta organizado, sub la honora patronado de la urbaj aŭtoritatoj, inter kiuj la urbestro ĝentile kaj malavare regalis la esperantistojn per riĉa lunĉo, kiu ja per si mem brile enkondukis la necesan kvanton da optimismo en la komenco, por pravigi la diron, ke pri la grandeco de la koro parolas la buŝo... Kaj, certe, en la baska teritorio, la bona apetito estas alta kvalito! La milda somero de la Nordo impresis agrable en la diversaj aranĝoj, kiuj akurate disvolviĝis, jen en luksaj komfortaj salonoj de la urbo aŭ jen sur la fono libera de ĉarmaj kamparaj pejzaĝoj. Krom evidenta plezuro por ĉiuj partoprenintoj, la Kongreso estis grava evento por seriozigi kaj fidindigi nian aferon en respondecaj rondoj de la belega urbo, kiu afable gastigis dum kvar tagoj centojn da fervoruloj, kun atentinda nombro da eksterlandanoj, entuziasme venintaj el ĉiuj direktoj, por atesti per propra ĉeesto la honestecon de nia idealo kaj la senmortecon de nia movado.

Dank' al tiu amasa vizito, la esperantismo en la baska ĉefurbo renaskiĝas promesplene; kaj, certe, post ne multe, ĝi situos kaj deĵoros sur la samaj fortikaj pozicioj, kiuj iam tie estis arogaj bastionoj kontraŭ la skeptikemo kaj la malkuraĝo. Antaŭ unu jaro, plenmano da izolitaj amikoj laŭte vokis malnovajn samideanojn al aktiva agado, por digne kaj dece plenumi la komision organizi en Bilbao la Kongreson. Kaj nun oni povas firme aserti, ke la voko ne estis vana! Kvazaŭ mirakle refondiĝis Grupo kaj ekfunkciis kursoj, kie svarmis junaj gelernantoj, kiuj, kiel nove fandita fero, en kunesto kun jam harditaj veteranoj, fariĝis plej pura ŝtalo --ege malmola kaj tamen fleksebla!-- por garantii sukceson ne ja nur en la Kongreso, sed en vastaj planoj kaj aŭdacaj projektoj por la proksima estonteco. Tial, tute prave, ĉirkaŭ la stango de tiel esperiga konvinko, sin plektas hodiaŭ, kiel oraj rubandoj, la gloro kaj la ĝojo de la feliĉaj tagoj forfluge pasigitaj --kvazaŭ en sonĝo!-- de ĉiuj kongresanoj senescepte, kiuj, obstine nelacigeblaj, estis mem pasiaj protagonistoj, en viglaj diskutoj aŭ subtilaj polemikoj, kaj ankaŭ scivolaj rigardantoj en kuriozaj spektakloj; ĉar, akorde kun la malkvieta stilo de nia epoko, la Kongreso zorgis neglekti malmulte el la multaj facetoj de moderna urbo en antikva regiono, kies kontrastoj prezentas tre variajn aspektojn en la arto, ekonomio, kulturo kaj folkloro. Konsekvence, kiel jam dirite, la ĉi-jara kunveno estis treege moviĝema, serĉante la plurajn scenejojn, kiujn la organizantoj difinis por doni adekvatan medion al ĉiu aparta ero de la ampleksa programo: Solena Malfermo kaj profitodoñaj laborkunsidoj, agrabla Literatura Vespero, prezentado de baskaj dancoj kaj elmontro de baskaj pilkludoj. Solena Meso kaj elokventa Esperanto-prediko en la impone belega Baziliko de Begoña, kiel supera regalo por spirito en ekstazo, antaŭ ol materie regali la korpon en la gastronomia apoteozo de la Oficiala Bankedo... Kaj, kvazaŭ en sporta konkuro verdaj flagoj gaje flirtis laŭ takto de fajfiloj de la trenŝipoj, kiuj naĝis promene sur la salaj



akvoj de l' Nervion, portante la kongresanojn en la industrian regnon de la altaj fornegoj; en kies tereno, armeo da miloj kaj miloj da laboristoj postenas apud kolosaj fandpotoj, kie likva metalo inkandeske bolas kaj brulas, ŝajne... por instrui al gapaj turistoj la saĝan lecionon, ke la simpla funkcio senĝene enspiri liberan aeron povas esti plej rafinita plezuro.

Tion oni plene konstatis dum la neforgesebla ekskurso, preter la randoj de la baska marbordo, tra idiliaj montoj kaj eklogaj valoj kun vilaĝoj, kie la vivo ankoraŭ konservas aromon de pratempaj kutimoj kaj moroj, sub la tulo de griza nebulo, kiu melankolie malakrigas la konturojn kaj senŝarĝigas la animojn je trivialaj zorgoj. Tamen, nia karavano ne nur havis distran celon. Eibar, la fama industria centro, pere de sia urbestro, invitis la esperantistojn fermi la nacian renkonton tie mem, en la palaco de ĝia urbodomo. Volonte akceptinte la inviton, tie, do, pli ol cent kilometrojn malproksime de Bilbao, perceptante la bonvolon kaj scivolon de la tuta loĝantaro, oni diris la adiaŭajn vortojn, kiuj, eĉ diritaj kun tremoj en la voĉo, pro la natura emocio de l' momento, estis ortodokse fidelaj al la virto de la espero, ĉar la samaj manoj de landanoj kaj eksterlandanoj, en frata interligo, varme aplaŭdintaj la fermajn parolojn, ankoraŭ pli varme devis ree tuj aplaŭdi aklamante la nomon de Zaragozo, la venontjara rendevuejo, ĉefurbo de Aragono, neŝto de noblaj virtoj kaj emblemo de la obstino, kio estas alia elstara signo de la tutmonda esperantismo.

◆ ■ ◆

La mirinda kapablo de S-ro Muñoyerro, juna dinamika sekretario de la Organiza Komitato, donis ritmon de atomenergie impulsata motoro al la urĝaj zorgoj de la lastaj tagoj, kiam la dato fiksita unu jaron antaŭe, por la tutlanda kunveno, galope kaj sekure alproksimiĝis al sia destino.

En apartamento sur etaĝo de granda konstruo, en vivoplena popola kvartalo, preskaŭ seninterrompe deĵoris modele diligenta stabo, en kies konsisto estis reprezentataj ĉiuj stadioj de la homa aĝo. Pro tio, la preparlaboroj en tiel decidaj momentoj povis disfaldiĝi kun rapida preteco, sen manko de la necesa pripenso. Jam oni scias, ke la teoria aŭ teknika preparo de iu ajn entrepreno sukcesas evolui eĉ kun ripozoj aŭ paŭzoj; sed, en konkreta horo, kiam tiu entrepreno devas praktike funkcii muskoloj kaj nervoj, en akuta streĉo, ne rajtas ripozi nek paŭzi...

Kaj persone mi povis konstati, ke nenia ripozo kaj nenia paŭzo bremsis la bone oleumitan maŝinon de la kongresorganizo, kiam la unuaj kongresanoj komencis alveni; ĉar, kiel unu el tiuj fruvenintoj, mi veturis al Bilbao, jam fine de Julio, por *gustumi* la preparlaborojn en ties propra saŭco. Tamen, kiel decas al insista admonanto, kiu ŝatas admoni per ekzemploj, volonte mi eniĝis en la viglan fluon, spertante la sanan eksciton rekte interveni en la ĝenerala koncerto, per kelkaj specialaj taskoj, sufiĉe malsamaj unu de la aliaj, se oni konsideras la diferencon, kiu evidente ekzistas en fulma redaktado de klarigaj tekstoj, por la kongreslibro, aŭ komplimentaj vizitoj —kune kun S-ro Bayo kaj S-ro Otaola— al la ĵurnalredaktejoj, por atingi favoran akcepton de raportoj kaj informoj, klopodante samtempe pri aliaj vizitoj, ne tiel komplimentaj, en detala esploro de menditaj litoj kaj ĉambroj, en hoteloj aŭ pensionoj, por kontroli ĉu la gesamideanoj ilin okupontaj sukcesos tie, dum sia restado, kontentige dormi.

Vespere, post tia migrado, oni ĉiam iris al la kongresoficejo kun ia tikla scivolo, ke tie oni trovos pli kaj pli da novalvenintoj, inter kiuj, certe, pluraj jam estas konatoj kaj amikoj el plej diversaj regionoj kaj urboj enlandaj, se ne eksterlandaj. Dum la lastaj tagoj, ĵus antaŭ la preparata soleno, tiaj renkontoj okazis surprize eĉ en mezo de l' trafiko, sur stratoj aŭ placoj, kie fortaj ĉirkaŭpremoj kaj aliaj ĝojbruaj salutoj, en aplomba akcento de flua Esperanto, atentigis la preterpaŝantojn, ke pacaj taĉmentoj da avangarduloj, armitaj per verdaj steloj, jam troviĝas en la urbo, ĉar ili simbole elŝipiĝis el la gracila velŝipo de la kongresafiŝo, kiu grimace petolis ĉe la montrofenestroj de butikoj, magazenoj kaj... trinkejoj. Sed, plej vasta korpuso estis ja la Valencia karavano, kun tri grandaj aŭtobusoj, kiu per urĝa depeŝo



anoncis sian alvenon vespere en la ĵaŭdo, 6an de Aŭgusto. Gvidataj de specialaj komisiitoj, kiuj gardostare ilin atendadis ĉe la enira kvartalo Achuri, la tri arogaj veturiloj, anhelantaj pro longa kurado, aklame trairis la lastan etapon sur pluraj stratoj, ĝis la pretigita haltejo, fronte al Teatro Arriaga, en la belege impona centra placo Arenal, kie densa amaso, el jam antaŭe venintaj kongresanoj, ovaciis la veturantojn el la Valencia regiono, inter kiuj, kompreneble, troviĝas la oficialaj

## VENDREDE — 7. AŬGUSTO

...Kaj, frue vekiĝinte en la mateno, kun tiklaj skuetoj de optimismo en la vejnoj, pro refreŝigita humoro, tiuj vespere venintaj veturantoj regalis siajn okulojn, antaŭ la aperturoj de balkonoj kaj fenestroj. tra la rava panoramo de la urbo, kies apudaj montegoj, kun dise-dense lokitaj vilaoj kaj dometoj, sur smeraldaj herbejoj, estas grandioza natura dekoracio por la diversaj aktoj de nia nunjara festo, kiu ĝuste nun jen komenciĝas, akorde kun la programo:

***Ĝis revido, kongresaj amikoj! Via afabla tute natura gastameco certe estos por mi unu el la plej neforgeseblaj emocioj en mia esperantista vivo***

ANGEL CORRAL — Prezidanto de la Esperantista Grupo de Buenos Aires (Argentinio)

estraranoj de la Federacio kaj ceteraj elstaraj samideanoj, kies nomoj estas tre bone konataj, pro daŭra plugado sur la kampo de la ideoj. Kun lacaj mienoj, sed ankaŭ kun helaj elmontroj en ili de ĝojo kaj plaĉo, la pasaĝeroj alteriĝis kaj senbridigis sian emocion, centobligante la bildojn de ripetita sceno, kun la kutima sinsekvo de bruaj salutoj kaj fortaj brakumoj, kiel sincera enkonduko senceremonia de niaj solenoj. Post tio, venis vico al la ĝena, kvankam tute necesa, afero direkti ĉiujn al iliaj koncernaj adresoj. La respondecaj gvidantoj tre multe bezonis klopodi por interrompi la jam serioze komencitajn konversaciojn aŭ facile plektitajn babilojn —ho, kiel forta magneto estas nia lingvo!— avertante ĉiujn parolemulojn, ke morgaŭ certe estos tempo por pli trankvile daŭrigi la pritrakton de gravaj temoj aŭ la paradon de spritaj ŝercoj, jam nun en plena disfaldo, kiam ankoraŭ eĉ apenaŭ oni ĵus desaltis de la ŝtupetoj de la aŭtobusoj.

Fine, do, en disaj grupoj, projekciantaj ombrojn de valizoj sur la ekranon de l' pavimo, Bilbao, la urbo grandsinjora kaj gastama, sub la veluro de sia vespera ĉielo, akceptis la esperantistajn pilgrimantojn en la intimecon de sia sino, karesante ilin ne plu en bruaj salutoj, sed en dolĉa silenta ĉirkaŭpremo per la multenombraj brakoj de siaj larĝaj avenuoj kaj puraj stratoj, invitante ilin al bona dormo, kun sonĝoj rozkoloraj, en la unua nokto, antaŭ la unua tago de la 14a Hispana Kongreso...

La akceptejo funkciis en la luksaj salonoj de la «Nova Ateneo de Bilbao» en moderna konstruo, fronte al la urbodoma ponto. Tien venas kaj alvenas la gekongresanoj, en kreskantaj ondoj, por ricevi la konfirmon de sia kongresaneco per la dokumentoj, kiujn oni distribuas en apuda oficejo. Kvazaŭ en vere subita florado, la kongresinsigno ekaperas sur koketaj bluzoj aŭ sur pli malpli pretendemaj jakoj. Ĉirkaŭ tabloj formiĝas rondoj, kiuj vigle renodas la fadenon de interrompitaj babiloj, ŝajne tiuj samaj, kiuj komenciĝis hieraŭ vespere aŭ... pasintjare —kaj eĉ antaŭpasintjare— jam dum la Kongreso en Valencio, aŭ en tiu de Tarrasa, la bela kataluna urbo, kiu inaŭguris la ciklon de novstilaj hispanaj kongresoj por la tutlanda esperantistaro senescepte... En la kontoro, perlas ŝvito, pro laboro, ĉe fruntoj de laborantoj; oni vokas nomojn, oni petas klarigojn kaj detalojn, kaj oni eĉ devas ankoraŭ zorgi pri loĝejoj por lastaj ĵusvenintoj. La vasta salono fariĝas malvasta pro la amaso, kiu ĝin ŝtopas; tamen, malgraŭ la norda somera varmeto, la proksima apudeco de unuj kun aliaj ne ĝenas, ĉar modestaj membroj de nia tutlanda organizo venis de malproksime, por persone ĉeesti najbare kun tiuj aliaj havantaj la prestiĝon de konata nomo. Pro tio, kompreneble, oni dediĉas specialan atenton al S-ro J. Ezquerra, supera estro de la ŝtata organizo por blinduloj, kiu, kvankam moŝta samideano, ĉiam estas plej akurata kongresano. La



respektinda pastro J. Casanova, nia ĉiujara predikanto, modelo de pura simpatio kaj pia modesteco, disdonas tie kaj tie la benon de sia hela rideto. D-ro Herrero, klopodas pri internaj demarŝoj, per eksteraj elmontroj de daŭra moviĝemo, same kiel S-ro Bayo, kaj aliaj gravuloj, kiel S-ro Icaza, S-ro Elizondo, S-ro Otaola, k. t. p. kies gravecon ili devas pagi, rezignante la plezuron babili kaj babili senĝene, kio ŝajne estas rajto --feliĉa rajto!-- nur apartenanta al ordinaraj sengravuloj... Eksterlandaj frataj reprezentantoj ankaŭ estas plej ŝate salutataj: S-ro Angel Corral, prezidanto de la Esperantista Grupo de Buenos Aires la argentina ĉefurbo, lia ĉarma filino Irma, delikata specimeno de la sudamerika virino, kiu simetrie harmonias kun la mezeŭropa beleco de germana fraŭlino Ruth Lore Weeber, el Stuttgart; sen forgeso pri la francaj sinjorinoj, el multenombra franca grupo, kiuj, en najbareco de multaj belegaj hispaninoj, admirinda kompilo el ĉiuj regionoj, estis rozoj por ornami la kunsidojn, kaj muzoj por inspiri la parolojn...

Inter la eksterlandanoj, kelkaj familioj, eĉ kun plena kolekto da infanoj, ankaŭ pasintjare venis: ges-roj Levi, el Kalmar (Svedio), Mongeois, Debeaune, Leveque kaj Lecart, el diversaj francaj urboj, kiuj, kune kun ges-roj Aguiar kaj Nunes, el Lisbono (Portugalio) pruvis per sia dua kolektiva vizito, ke agrable estas kongresi kun la hispanaj esperantistoj. La anglo, S-ro Collis; la nederlandano, S-ro Burgler, kaj la juna italo, S-ro Donadoni, kontente la urbestro kaj frande preparitaj tabloj atendas la kongresanojn, kaj ke por tiu vizito oni ne bezonas konsulti la planojn, ĉar promene-proksime situas la celo.

**OFICIALA AKCEPTO EN LA URBODOMO**

Efektive, vid-al-vide, trans la najbara levebla ponto, montriĝas la majesta fasado de la urba palaco. Tien marŝas la gekongresanoj en kompaktaj grupoj, kiuj agrable paŝas sur eleganta duflanka ŝtuparo, ĉe kies peronoj, honore al ni, gardostaras urbaj policanoj. Tra vasta vestiblo, alia riĉa marmora ŝtuparo, ankaŭ kun gardostaraj deĵorantoj, kondukas supren al la araba salono --inda fiero de la urbo-- sorĉa festhalo, kiu aspektas kiel vere vivigita bildo el fabelo de la mil kaj unu noktoj... Subtilaj arabeskoj glitas sur kapiteloj kaj arkoj, subtenataj de sveltaj kolonetoj, kiuj hodiaŭ ŝajne staras nur kiel arta ornamo por la longaj tabloj, sur kies blankaj tukoj logas la tento de multspecaj altkvalitaj frandaĵoj kaj boteloj, kiel videbla kaj *ĝuebla* materio de la ĝentila kaj malavara lunĉo, oferita de la urbestraro. Kiam la salono jam estas plenplena, la ĉefurbestro de Bilbao, S-ro Joaquin Zuazagoitia, en akompano de la komandanto de la regiona Mararmeo, delegitoj de la Provincestro kaj de la Provinca Deputitaro de Bizkajo, kun eskorto de pluraj skabenoj, venas ĝis la prezidejo de la salono, laŭlonge de mallarĝa vojo, fendita tra la esperantista amaso, atente preta por aŭskulti liajn salutvortojn, kiuj estis diritaj sen emfazo

**Via nunjara Kongreso estis tiel belega, ke mi ege deziras jam partopreni la venontjaran!**

RUTH-LORE WEEBER — **Stuttgart** (Germanio)

migris tra la tuta salono, irante de rondeto al rondeto, precipe al tiuj, kiuj pli da knabinoj entenis, ŝajne por demandi informojn pri venontjara reveno... Sur multaj tabloj, oni etendis la grandajn planojn de la urbo, donacitajn de la Municipa Ŝparkaso, kiujn multaj trastudis, eĉ meze de atmosfero saturita de konversacioj, por la utila strategio trovi senĝene la diversajn lokojn, kie okazos kongresaj aranĝoj. Ĝuste je la 12", sonoraj klakoj avertas, ke estas la horo por marŝi al la Urbodomo, kie kun agrabla familiara stilo, kiel decas al karakteriza reprezentanto de laborema popolo: «De malproksime vi venis, esperantistoj, por pruvi ke unueco de lingvo povas esti unueco de pensoj kaj sentoj. Bilbao ŝatas oferi sian gastamecon por celo tiel nobla, dezirante plenan sukceson en viaj klopodoj kaj multe da kontenteco dum via restado». Tiel same, kiel sincere diritaj, ili estis aplaŭditaj! S-ro Herrero, je nomo de la vizitantoj, dankis tuj la bonajn dezirojn kaj esprimis sian



miron pro la beleco de la urbo, kiu, dum kelkaj tagoj, kiel laborejo kaj amuzejo, estos ĉefurbo de la hispana esperantismo.

Post tiu regula intersanĝo de adekvataj komplimentoj, finiĝis la oficiala parto; kaj, se nur tio, la akcepto en la Urbodomo de Bilbao estus plia ordinara protokola ceremonio, en la arkivo de nia historio. Sed, la simpatia senafekteco de la urbestro pruvis, ekster ĉia dubo, ke aŭtoritatulo ankaŭ estas homo; kaj... eĉ homo, kiu sentas kaj perceptas la samajn emociojn kiel la ceteraj civitanoj. S-ro Zuazagoitia, ne jam kiel oficialulo, sed kiel simpla gastama familiestro, oferis la preparitan lunĉon, invitante ĉiujn gustumi la delikataĵojn, kiuj sur la tabloj abunde montriĝis. Kaj por iniciati la turnojn de la festeno, li mem prenis pladon kun likvoroj kaj kukoj, ĝentile proponante ilin tie kaj tie. Fandita jam la glacio, reaperis la familiara sinteno kaj la kutima humoro, inter manĝo kaj trinko. Spontane ŝprucis nia lingvo, agrable impresanta ĉe la oreloj de la neesperantistaj gravuloj, kiuj, tie ceestinte pro formulo, tuj akiris favoran konvinkon. Rakontinde estas, ke, jam en la fluo de la ĝenerala ĝuo, la urbestro vokis min; ĉar, babilante kun tre bela knabino, li deziris scii ĉu oni povas diri en Esperanto belajn amindumajn vortojn, dediĉitajn al ŝi. Mi ĉizis rapide tre vervajn laŭdojn al la mistero de ŝiaj sorĉaj okuloj, kaj al la ĉerizoj de ŝiaj lipoj... Kredeble, mi sukcesis, ĉar la urbestro plaĉe konstatis la fluecon de mia inspiro, kiu cetere ankaŭ ricevis valoran premion pro la danko, kiun esprimis la ĉarma heroino de mia madrigalo, per brilaj reflektoj de fajro, en siaj nigraj okuloj, kaj pura velura rideto, en sia ruĝa buŝeto...

Longe daŭris la gaja svarmo en la luksa halo; sed, iom post iom ĉesis la resonoj de viglaj paroloj. Oni iris malsupren sur la interna marmora ŝtuparo, ĝis tiu alia de la ekstero, kie oni ankoraŭ fotis ordigitajn grupojn, apud la artaj skulptaĵoj de la fasado. Tamen, renkonte al tagmanĝo kaj siesto, la kongresanaro solviĝis en ĉiujn direktojn, ĝis la horo anoncita por la

**SOLENA MALFERMO**

Granda afiŝo kaj verda standardo, ĉe la portalo de la Teatro de la Paroĥo de Sankta Vincento, signas la lokon de la kongresejo. Jen vasta komforta partero, kun ampleksa scenejo, kie, de ekstremo al ekstremo, pendas verda tuko garnita per dikaj literoj blankaj de nur unu sola vorto: ESPERANTO.

Je la ĝusta horo, ĉiuj sidas jam sur la foteloj, kiam la gvidantaro suriras la prezidan estradon en la scenejo. Fariĝas silento, kiel digna preparo por la strofoj de «La Espero», kiu, ĥore kantata, apertas la solenaĵon. La nacia himno fermas la preludon, kies sekvon enkondukas S-ro Bayo, la zorgema prezidanto de la Organiza Komitato, kiu, per trankvila voĉo, salutas la kongresanojn, emfazante la venkitajn malfacilaĵojn kaj la bonajn perspektivojn, kiuj nun malfermiĝas al nia movado. S-ro Lunate, kiel prezidanto de la Grupo de Bilbao, sekvas en la vico, montrante sian ĝojon povi saluti tiom multe da fervoraj ĉeestantoj. D-ro Herrero, je nomo de la Valencia esperantistaro, sub kies egido okazis la pasintjara Kongreso, montras sian kontenton, pro la fakto, ke la ĉi-jara festo estas pli brila kaj pli impona. Oni aklame aprobas sendi saluton per telegramo al la Ŝtatestro kaj al la urbestroj de Tarrasa kaj Valencio; post tiu oficiala enkonduko, oni vokas diversajn eksterlandajn delegitojn, kiuj, laŭ orda sinsekvo, sin turnas al la ĉeestantaro per trafaj kaj sinceraj salutvortoj, kiuj, klare prononcataj, tre ofte estis elokventaj kaj spritaj: Germana fraŭlino Weeber, itala junulo Donadoni, franca instruisto Luez, angla fervorulo Collis, nederlanda kolego Burgler, argentina pioniro Corral, la bona portugala amiko Guiar kaj la sveda vojaĝemulo Levi, kiuj ankaŭ pasintjare troviĝis inter ni. Ili ĉiuj, per sia rekta interveno, donis internacian karakteron al nia nacia renkonto, pruvante samtempe la komunecon de sentoj, malgraŭ la diverslandaj diferencoj, kiuj, eĉ en la ekstera aspekto, ne multe efikas, ĉar preskaŭ ĉiuj eksterlandanoj, kiuj tie troviĝis, se ne pro la nomo, oni ne povus scii, ke ili ne estas hispanoj...

Oni montras, en la prezidejo, dikan kvanton da leteroj kaj telegramoj kun bondeziroj kaj salutoj; por ŝpari tempon, oni legas nur la nomojn de personoj kaj organizoj, kiuj ĝentile memoras nin en tiel



agrabla momento; post ĉiu nomo, sekvas varma aplaŭdo, kiel sincera kaj spontana dankesprimo. S-ro J. Guzmán, unua konsilanto en la Estraro de la Federacio, en rolo de provizora Prezidanto, okupas la prezidan seĝon. Per trafaj kaj koncizaj vortoj, kiuj tamen estas elokventaj kaj belaj, li sin turnas al la tuta kongresanaro, admonante ĉiujn agi konsekvence kun la postuloj de nia epoko, por ke estu fruktodonaj la klopodoj por Esperanto, kiun oni komencas simpatie rigardi en gravaj oficialaj instancoj. S-ro Guzmán finis sian diskurson, invitante ĉiujn labori entuziasme, sub la ŝirmo de la nacia organizo, en la diversaj sekcioj, por la bono de nia afero en nia lando. Tondra ovacio donis aprobon al la kuraĝigaj vortoj de S-ro Guzmán, kiu modeste ridetante akceptis la aplaŭdojn.

Jam en la propra landa tereno, oni atente kaj plaĉe aŭskultis la salutojn persone diritajn de kongresanoj el diversaj ĉefurboj, urboj kaj vilaĝoj el la varia hispana geografio. La longa parado de tiaj salutoj estas viva atesto de nia ekzisto, ĉar plej modestaj samideanoj, apud plej eminentaj gvidantoj, konstatas, ke eĉ izolulo en malproksima vilaĝeto, dank' al Esperanto, estas membro de unu granda familio, kiu, almenaŭ unu fojon en la jaro, renkontiĝas kun ceteraj fratoj, sub la hejma tegmento de niaj kongresoj.

Post la ornama etapo, vicas la laboro; sekve, estas elektataj kiel prezidantoj, S-ro Solá, el Tarrasa, kaj S-ro Elizondo, el Bilbao; kaj kiel protokolantoj estas vokataj S-ro Bosch, el Valencio, kaj S-ro Rodriguez, el Madrido, kiuj okupas lokon en la estrado, apud S-ro Muñoyerro, la senlaca ĉefoficisto en la organizaj taskoj. Denove, la orkestro disflugigas la notojn de «La Espero» kiujn laŭte --tre laŭte-- ĉiuj kantas, ĉar la malfermo estas fermita! Tamen, post la kanto, ankoraŭ oni kviete staras, kiel neta bildo de masiva unueco.

Kvankam la horo ne plu estas frua, oni faras paŭzon, por iomete ripozi kaj sin refreŝigi, antaŭ ol *engluti* la raportojn de la

**UNUA LABORKUNSIDO**

Kun preta sinteno, oni ree sidas: unuj en la estrado, por la serioza tasko informi pri la organizaj aferoj; aliaj, en la partero, por aŭskulti la informojn kaj diri sian opinion. S-ro Elizondo prezidas kaj submetiĝas al la tagordo. S-ro Hurtado, kasisto de la Federacio, alpaŝas la temon kun la ĝenerala raporto kaj administra resumo. Jen, ekstrakte plej interesaj fragmentoj: «Kontraŭe al alilandaj situacioj, Esperanto daŭre progresas ĉe ni; kaj tiun progreson oni konstatos, aŭdante la diversajn raportojn, kiujn oni prezentos al vi. Ekzemplo pri tio estas Bilbao, kie, antaŭ unu jaro, nur troviĝis kelkaj izoluloj; kaj nun, oficiale fondita grupo arigas pli ol cent samideanojn». «La nombro de niaj membroj vive kreskas. La laste registrita, en la listo, ĵus atingis la numeron 758. Tamen, ne ĉiuj estas aktivaj kotizantoj, ĉar se kelkaj forpasis la surteran vivon, aliaj --nekompreneble!-- forlasis niajn vicojn aŭ forgesis la gravan devon pagi sian kotizon. Tiuj ĉi jam estas avertitaj, ke la eksterordinaran kongresan numeron de nia Bulteno ili ricevos remburse, por klarigi la financan situacion, kiu nepre estos en ordo ĉe la fino de la jaro». «En la Estraro okazis nenia ŝanĝo. Por la venonta jaro devas esti elektata alia nova. Post la starigo de la ***Informa kaj kunordiga Servo***, ĝia zorganto ludas rolon de Vic-Sekretario; tial, logike, li devas esti estrarano, kiu, kune kun la Vic-Prezidanto, ankaŭ katalunо, devas agi kiel Vica Estraro por la tiea teritorio. Jam oni scias, ke la katalunaj delegitoj kunvenas ĉiumonate, oni povas esperi, do, ke la kunvenoj okazos sub la zorgo de tiaj oficialaj gvidantoj. La aliaj regionoj, periode, ankaŭ tiel postenos, ĝis la tago, kiam vi decidos, ke la centra sidejo de la Federacio devas esti en alia urbo, for de Valencio». «Intertempe, estus konvene, ke, en ĉiu regiono, la lokaj delegitoj kunvenus, ĉiumonate aŭ kvaronjare, por interrilati pri siaj respektivaj aferoj». «En la nuna jaro, la Estraro iomete ŝanĝis siajn

***La Kongreso en Bilbao estis granda surprizo por mi. Regis amikeco kaj frateco, la diskutoj estis fruktodonaj kaj oni multe klopodis por kontentigi nin. Koran dankon!***

**DANIEL BURGLER — Geleen (Nederlando)**



internajn labormetodojn. La financaj kaj la burokrataj laboroj estas kunligataj, kiel estraraj branĉoj de la administrado. La cetera agado troviĝas en la Sekcioj kaj Servoj; ĉiu Sekcio estas aŭtonoma, sed la Servoj estas branĉoj de la Federacio, por helpi en la gvidaj taskoj. La Katolika kaj Kuracista Sekcioj jam funkcias; oni intencas starigi aliajn por blinduloj kaj instruistoj, ankaŭ estas dezirinda la filatelista, kiun en Barcelono oni klopodas fondi. Ni opinias konvene doni malsaman lokon al ĉiu Servo aŭ Sekcio, por disigi kaj faciligi la laboron. Pri la Servoj, tre modela estas la Libro-Servo, sub la lerta gvido de S-ro J. Bosch, kiu poste legos mem sian raporton. Nova ido estas la Informa kaj Kunordiga Servo, kies gvidanto, S-ro Hernández Llusera, el Sabadell, ankaŭ raportos. Kontentige estas konstati, pri la bona funkciado de alia Servo: tiu por la kursoj per korespondado, kiun S-ro Molera, el Moyá, tiel faklerte zorgas. Gazetara kaj Radio-Servo estas alia ege valora branĉo, kiun S-ro D. Rodríguez, el Madrido, altigis ĝis pleja ekstremo de graveco, en tiel superaj rimedoj por la moderna propagando. Lastatempe, oni laboras por alia nova: Servo de Rilatoj kun Iber-Ameriko; ĝi jam estas io konkreta sub la zorgo de S-ro Regulo Pérez, el la Kanariaj Insuloj; oni devas ja ne forgesi, ke venontjare okazos en Montevideo la ĝenerala kunveno de UNESKO». «Daŭras niaj amikaj rilatoj kun ĉiuj alilandaj organizoj, senescepte. Ankaŭ tute regule daŭras nia aliĝo al U. E. A. kiel neŭtrala centro de la tutmonda esperantistaro. Novaj grupoj fondiĝis, kvankam nur tri estas leĝe aprobitaj: tiuj de Ciaño, Bilbao kaj Madrido, la ceteraj funkcias kiel fakoj de kulturaj societoj. Tiurilate, ni estas kontentaj; sed, rigardante al la estonteco, neniam ni devas diri: tio jam sufiĉas!»

Kaj, sekve, kvazaŭ kompletigaĵo, jen la administracia informo, en kompila resumo:

*«Per la sama kotizo, la Federacio daŭras en sia laboro, malgraŭ tio ke estas multe pli da elspezoj, okaze de la funkciado de la Servoj. En la pasinta jaro, ni kontentige solvis la financan situacion, precipe pro akurata pago de la kotizoj, sed ankaŭ pro la fortikigo, kiun la libervolaj donacoj reprezentas en la budĝeto. Espereble, ankaŭ ĉi-jare, nia ekonomio sane disvolviĝos. Kiel vi jam scias, per cirkulero dissendita en monato Junio, la dezirata «H. E. F. Adresaro» estos eldonata dum la kuranta jaro. Mi admonas ĉiujn membrojn ne prokrasti la pagon de sia kotizo, ĉar tiu, kiu ne pagos ĝin antaŭe, ne vidos sian nomon kaj adreson en tiel utila konsultilo. La starigo de grupoj devigas reguligi la financajn rilatojn de ili kun la Federacio; ĉiu grupo, laŭ konvena maniero, riĉigos sian kason per la kotizoj de siaj membroj, zorgante samtempe pri la kotizoj de la Federacio; ĉiu hispana esperantisto devas aliĝi al la nacia organizo, sed neniu esperantisto devas resti ekster la grupo de sia urbo. Mia respondeca posteno en la administracio trudas min al konkretaj faktoj. Sub tia premo, eble mi kondutas tro severe, sed tio estas konsekvenco de antaŭa neglekto, kiun oni devas forigi per facila rimedo kaj simpla solvo: ĉiu pagu akurate sian kotizon!»*

La legado de tiuj fundamentaj raportoj estis atente aŭskultata. Ĉiuj bone komprenis, ke la sana evoluo de nia centra organizo dependas de la ĝusta apliko de la konsiloj kaj principoj, rekomendataj de S-ro Hurtado. Tuj poste, S-ro Bosch legis sian raporton pri la Libro-Servo; en konciza kaj bela peco, li diris, ke «literaturajn kaj facilajn legolibrojn oni povis havigi, ĉar la merkato de tiaj libroj estas sufiĉe abunda. Feliĉe, niaj verkemaj samideanoj kontentigas siajn aspirojn kaj eldonas siajn librojn. Ĉiumonate, sur la paĝoj de la esperantista gazetaro, oni povas legi recenzojn pri novaj verkoj». Tamen, la grava manko de lernolibroj, kun la diversaj projektoj por ilia reeldono, estas sufiĉe detale studata, eĉ konkludante, ke «por la lernanto, pli gravas la instruisto ol la libro, ĉar oni povas aserti, ke estas la instruisto, kiu kreas la metodon, kaj ne la metodo la instruiston». S-ro Bosch petas pliviglligi la aĉetadon de pluraj baldaŭ aperontaj lernolibroj. Sekve, estas legata la raporto de Informa kaj Kunordiga

*Oni populare kantas: «Anglo venis al Bilbao!» Kion li trovis tie? Varman sunon, bonajn vinojn, ĉ... Sopirante al reveno, mi konservos ĉiam plej ...blajn*
**George E. COLLIS — LEICE...**

Servo, kies gvidanto plendas pro tio, ke multaj rondoj neglektis nomi sian delegiton; li konsilas funde analizi la dissenditan cirkuleron, «kiu nur pretendas doni kelkajn sugestojn, plibonigotajn post ĝenerala konsidero. Tiamaniere, oni povos fiksi kolektive efikan agadplanon, por utila laboro de ĉiu aktivulo». Kaj, certe, tiam pluraj aŭskultantoj sentis riproĉetojn de sia konscienco, ĉar ili ne bone plenumis la instrukciojn de la nomita cirkulero, sed ankoraŭ estas tempo... Jes, ankoraŭ estas tempo eĉ por pliaj sekvantaj raportoj. Tiu de la Kursoj per Korespondado okupas nun la atenton: «Estis respondataj 123 demandoj: (gramatikaj duboj, stato de la movado, k. t. p.) Miloj da flugfolioj diskonigis nian fakon kaj havigis lernantojn, el kiuj pluraj dekoj diligente lernas kaj regule korespondas. Nia laboro efikas eĉ trans la Atlantiko; ni ricevis informpetojn el Argentinio, Ĉilio, Kubo kaj Kolombio; cetere, en Urugvajo oni deziras aranĝi similajn kursojn, en la kadro de la tiea Esperanto-Societo». La raporto finiĝas petante, ke oni daŭre sendu kiel eble plej multe da adresoj de eventualaj lernantoj.

Kaj, kiel finalo en la koncerto, venas la bone dokumentita raporto de Gazetara kaj Radio-Servo, kies kapabla kaj nelacigebla gvidanto S-ro Dario Rodríguez, el Madrido, staras ĉe la tribuno: «Komence de la jaro, fondiĝis nia fako por ebligi rilatojn kun ĵurnaloj, revuoj, radiostacioj kaj ĉiaspecaj informaj organoj. Ne estas necese akcenti la gravecon de la gazetaro kaj radio, kiuj, kiel heroldoj de la aktualeco en nia epoko, influas sur milionojn da personoj. Nia movado bezonas esti disvastigata ne pomile, sed pomilione! Nun, kiam Esperanto konkeras altajn poziciojn, nepre oni devas informi la publikon pri tio. Kiel unua paŝo, oni sendis al la tuta hispana gazetaro cirkuleron pri la plej freŝaj atingaĵoj de Esperanto, precipe tiu pri la UNESKO-decido. La cirkuleron akompanis la Informo de nia Federacio, al la Ministerio de Edukado, kaj la traduko de artikolo de Prof. Edmond Privat, kiu aperis en pluraj ĵurnaloj. Regule mi rilatas kun tiuj, kiuj sukcesis enkonduki nian lingvon en kiun ajn kampon de la publika informado; niaj klopodoj esperige sukcesas, ĉar daŭraj rubrikoj kaj oportunaj kursoj troviĝas sur la paĝoj de multaj gazetoj kaj sur la ondoj de kelkaj radiostacioj. La estonta agadplano dependas de via kunlaboro; oni sendu nepre al ni ekzempleron de ĉiu publikigaĵo, enhavanta ion --favoran aŭ malfavoran-- pri Esperanto. Se ekonomiaj cirkonstancoj tion permesas, ni intencas eldoni hispanlingvan gazetaran bultenon, kun informoj taŭgaj por publikigado, helpante tiel al la bravaj amikoj, kiuj sindoneme sin dediĉas al la redaktado de tekstoj por la programoj de radiostacioj aŭ por la disponigitaj anguloj en gazetoj. Do, la celo de Gazetara kaj Radio-Servo estas gajni la simpation de tiuj alte potencaj fortoj, kiuj tiom efike povas influi por pli rapida triumfo de nia kara lingvo». Tre atente oni aŭskultis la saĝajn rimarkojn de S-ro Rodríguez, juna elemento kaj firma kolono de la esperantismo, en la labirintoj de la ŝtata ĉefurbo Madrido.

Post kelkaj intervenoj, la prezidanto deklaras fermita la kunsidon, ĝis morgaŭ matene. La salono rapide malpleniĝas, ĉar la kongresanoj avide celis al la strato, kvazaŭ bando da buboj, elirantaj el la lernejo... Kompreneble, se oni konsideras, ke la vespermanĝo atendas kaj la programo avertas, ke ne restas multe da tempo por alesti en la anoncita prezentado de la

**BASKAJ PILKLUDOJ**

En moderna avenuo de aristokrata kvartalo, situas la Sporta Klubo de Bilbao, kies eleganta enirejo, larĝe malfermita kaj feste lumigata, akceptas la esperantistojn, kiuj, venante pogrupe, donas specialan moviĝeman trajton al la avenuo kaj najbaraj stratoj, ordinare silentaj en ĉi tiu horo. Tra ampleksa vestiblo kun bufedo, oni venas al granda halo, kie troviĝas longa rektangula pilkludejo. Laŭlarĝe de unu flanko, ordigitaj vicoj da ŝtupe lokitaj sidlokoj estas plenplene okupataj de la sama publiko, kiu antaŭ ne multe ankoraŭ atentis masivajn raportojn kaj informojn. Sed, nun la ĉeesto estas nur por distro, por

*...Nu, ankaŭ angla esperantisto veturis al Bilbao...*
*...armajn fraŭlinojn kaj, super ĉio, samideanan afablecon...*
*...remem...n pri la 14ª Hispana Kongreso de Esperanto.*
...ESTER (Anglujo) 288, Welford Road.

ripozo... kvankam tio ne rilatas kun la aroga preteco de la viglaj kaj lertaj pilkludantoj, kiuj, honore al nia vizito, brave streĉas siajn fortojn kaj ruze aplikas siajn spertojn de elastaj atletoj, sur la glata areno de la pilkludejo, precize ĵetante malgrandan pilkon kontraŭ muron, kaj same precize evitante maltrafon, kio estus gajno de poentoj por la kontraŭuloj.

Kun kreskanta intereso, ĉiuj sekvis la lertan konkuron, kiu fariĝis pli sensacia, kiam la ludantoj forlasis la lignajn batilojn kaj energie frapis aŭ ĵetis kaj reĵetis la pilkon per la nudaj manoj. Varmaj aplaŭdoj premiis la plej belajn turnojn, en decidaj fazoj, de tiu interesa elmontro de tipa baska sporto. Jam finita la prezentado, oni vizitis la komfortajn instalaĵojn de la tuta domo, admirante la trafan distribuon de la ĉambroj, je la servo de ĉiuspecaj sportemuloj. En malsupra etaĝo, en granda baseno, plezure sin banis la pilkludintoj, kiuj plaŭde naĝante donis okazon por nova spektaklo. Sed, ho, sufiĉe jam!... De mateno ĝis alta nokto, oni ekstreme profitis la unuan tagon; dolĉa emo al dormo invadas nun la korpojn. Renkonte al la litoj --plej ŝatata celitaĵo!-- la Kongreso diseriĝas tra la dezertaj stratoj. Silento regas ĉie, ĉar la esperantistoj dormas...

## SABATE — 8. AÚGUSTO

Fajfilegoj de fabrikoj, salutante unu la alian, en etendiĝanta ondado de matena simfonio, blekas vokante al ĉiutaga okupo en la grandsinjora urbo, kie tamen la laboro estas plej nobla atributo. Nu, ankaŭ la kongresanoj vekiĝas kaj senhezite adiaŭas la voluptetojn de l' dormo. Oni devas ja ne perfidi la devizon de la hispanaj kongresoj: Ĉiuj kune, en laboro kaj amuzo. Kaj, puŝataj de konscia disciplino, la karaj gesamideanoj, en admirinda amaso. tute akurate, je la ĝusta horo, pacience sidas denove en la partero de la kongresejo, por interveni, se necese, en la debatoj de la

**DUA LABORKUNSIDO**

De sur la prezidejo, S-ro Solá, kiel zorgema reĝisoro, revuas la sidantajn taĉmentojn por konstati, antaŭ ol komenci, ke ĉio statas bonorde. Ĉar efektive tiel, la informo pri la vortaraj laboroj frontas en la listo. La koncerna komisiono ne kaŝas la malfacilaĵojn, kvankam «neniu klopodo estis ŝparata por plenumi la taskon akceptitan. Oni intencas, ke la eldonota vortaro enhavu la tradukon de ĉiuj iom gravaj vortoj. La akcelo, per rapida supraĵa esploro de la signifoj, estas nepre evitenda, ĉar laŭ la sama rapido, per kiu oni farus la esploron, kreskus la nombro da fuŝaĵoj en la verko. Oni bezonas, do, tempon. Ĉu ankoraŭ du, tri jarojn plu? Tio dependas de la kunlaboro. Dume, estus bona solvo reeldoni unu el la elĉerpitaj. Tiu reeldono dependas ekskluzive de la esperantistoj; ĉi-rilate, estas oportune indiki, ke por la eldono de la vortaro, kiun ni prilaboras, devas triobliĝi la kvantoj signitaj en la ĝis nun subskribitaj kompromisiloj». Post la legado sekvis tre interesa debato, kiun plivigligas la interveno de S-ro Corral, pledante por enkonduko de konvenaj amerikanismoj, kio ebligos la vendadon de la verko en ĉiuj iber-amerikaj lando Oni diras kaj kontraŭdiras opiniojn kaj sugestojn; oni prezentas, cetere, teknikajn rimedojn pri financoj kaj... eĉ leĝajn difinojn pri juraj subtilaĵoj, kio pruvas sen ombro de dubo la gravecon de la temo.

Notitaj, por aparta studo, la plej reliefaj rimarkoj, la afabla prezidanto avertas, ke ankoraŭ; jes, ankoraŭ, estas *aŭskultenda* alia raporto: tiu pri la Bulteno... Nu, jen do mia nomo ankaŭ en la vico, kvazaŭ lasta instrumento por kalkuli ĝis kia grado de eltenemo la esperantistoj konservas la virton de la pacienco. Oni invitas min suriri la podion en la scenejo. Tie, fine, mi staras malantaŭ tableto. Jam en pozo de bone edukita leganto, lubrikinte unue la gorĝon per glutoj da akvo, mi greftis nervon de vivaj paroloj en la sekajn signojn de skribitaj vortoj, laŭ sekvanta teksto:

«KARAJ GEAMIKOJ: Pro tio, ke ĉiumonate nevideble mi babilas kun vi, estas escepta plezuro --almenaŭ unu fojon en la jaro-- povi rekte vin alparoli, starante meze de vi, kiel nun, en la eleganta salono de nia kongresejo, por submeti al via konsidero la diversajn aspektojn, kiujn nuntempe prezentas la redaktado de nia Bulteno; ĉar, laŭ mia opinio, nur tiel solviĝos kontentige la problemoj de ĝia eldonado, atentante utilajn sugestojn kaj



objektivajn kritikojn pli ol facilajn laŭdojn kaj efemerajn gratulojn. Pro natura bona volo kaj akirita sperto de la kompostisto, la teknika flanko de nia kara organo sufiĉe multe pliboniĝis dum la daŭro de la periodo, kiun inaŭguris la eksterordinara numero kun la kroniko de nia pasintjara rendevuo; la aranĝo de tiu numero plaĉis ĝenerale al ĉiuj, kaj tio ja ne estas kutima afero. Tamen, krom la ekstera formo, kiun mi ŝatas speciale dorloti, neniel mi malatentis la enhavon, kio estas la ĉefa motivo de ĉiu publikigaĵo.

Sub la normoj de tia sinteno, la distribuado de la sekcioj restis preskaŭ same, kun aldono de la nova rubriko *Lernu Tradukante!*, kiu fakte estas transformiĝo de la modesta anguleto *Interlingva Paralelo.* Ĉi tiu nova tribuno estas precipe dediĉata al la junaj elementoj de nia movado, al tiuj perfektiĝemaj lernantoj, kiuj deziras plene kaj funde posedi la lingvon, ĉar mi konscias, ke stimuli ilin kaj iel rekompenci ilin materie, per loga premio, nur bonon povas liveri en epoko, kiel la nia, kiam perfekta posedo de tekniko —eĉ en idealista entrepreno— valoras pli kaj utilas pli ol bombastaj frazoj kaj romantikaj gestoj. Oni rajtas esperi, do, ke ĉi tiu fako estos daŭre pli kaj pli atentata de ĉiuj seriozaj studantoj de nia lingvo, kalkulante en tiu ampleksa termino ne nur tiujn, kiuj ĉeestas kurson, sed ankaŭ tiujn aliajn *maturajn* samideanojn, kiuj, bedaŭrinde ankoraŭ tro multaj, ne posedas sufiĉe da scivolemo por aroge alpenetri ĉiujn sekretojn de la lingvo. En ĉi tiu okazo, mi kuraĝas prezenti la scivolemon, kiel minon de pozitivaj eltrovoj, instigante esplori kaŝitajn angulojn, en la geometrio de la estetika gramatiko de Esperanto.

Parolante jam pri la tuto, ŝajnas al mi oportune rimarki la konvenecon plioftigi la aperigon de diskonigaj artikoletoj el la speco de tiu ĵus aperinta sub titolo «Sefarditoj en Izraelo», kiu devas esti modelo por aliaj, kiujn la legantoj mem povas peti al siaj eksterlandaj korespondantoj. Tiamaniere, nia federacia informilo fariĝos viva montrejo de aŭtentikaj kuriozaĵoj, rekte kaj freŝe ricevitaj el la originaj fontoj, kun evidenta avantaĝo super popularaj nacilingvaj revuoj, kiuj, kvankam lukse eldonitaj, ne alio estas ol simpla akumulado de velkaj tondaĵoj, en kontrasto kun la freŝeco kaj vivanteco de niaj informoj. Mia antaŭa rekomendo validas, cetere, por iomete atentigi pri la netaŭgeco de esperantlingvaj artikoloj kun pure propaganda enhavo. La moralajn kaj praktikajn valorojn de nia lingvo ni mem jam konas per propra sperto aŭ propra dedukto; tial, insisti pri tio, inter ni, estas nenecese. Lasi la propagandan rolon nur al la hispanlingvaj tekstoj estas plej konvena rimedo. Tamen, tre insiste mi emfazas, ke ĉiuj nacilingvaj informoj kaj argumentoj devas ja, kompreneble, plifortigi niajn konvinkojn aŭ agrable tiktakigi niajn korojn, sed ankaŭ —kaj tio estas pli grave!— ili devas taŭgi en niaj manoj por rompi kaj fendi la glacion de indiferento, se ne jam renversi la barieron de konscia aŭ senkonscia malamikeco, kiun bedaŭrinde ankoraŭ ni renkontas inter amikoj aŭ konatoj, absolute sensciaj pri la klaraj postuloj kaj honestaj celoj, plastike simboligataj per la verda steleto, kiu ornamas bluzojn kaj jakojn de vi ĉiuj, karaj geamikoj, fervore kaj abnegacie venintaj al Bilbao, el la kvar kardinalaj punktoj, por simple atesti, per materia ĉeesto, la veron de niaj asertoj.

Kaj, post la ĝenerala informo, permesu al mi aktualigi denove la temon, kiun pasintjare mi jam skizis: Renovigo estas necesa kondiĉo por normala evoluo de ĉiu entrepreno; tial, renovigi la respondecajn postenojn de nia Bulteno estus bezono, eĉ se la elĉerpiĝo de mia forto, por daŭrigi la redaktadon, ne estus fakto. Konsiderante tion kaj la provizorecon de mia ofico, ekde la momento, antaŭ dekdu monatoj, kiam mi faris la saman deklaron, oportuntempe mi prezentis oficiale al la Estraro de la Federacio la konkludon, kiun nun ankaŭ tute konkrete mi prezentas al vi: Mi daŭros, kiel redaktoro de nia gazeto, ĝis fino de la kuranta jaro. Tuj post prilaboro de la decembra numero, mi fariĝos simpla membro abonanto, kvankam miaj konsiloj kaj spertoj, se petataj, ĉiam estos je la dispono de la gvidaj instancoj de la hispana esperantismo. La Estraro komprenis la pravon de miaj argumentoj; ĝi estas preta serĉi la anstataŭanton aŭ anstataŭantojn, kiuj, kun iom da kapablo kaj multe da bonvolo, scios piloti nian revuon tra la ondoj de nia Federacio.

Mi ankaŭ atendas de vi ĉiuj la adekvatan porcion de komprenemo, kiun la Estraro montris; kaj certe vi helpos al ĝi trovi la kapablajn personojn, kiuj, pretaj zorgi pri la





januara numero, akorde kun la kalendaro, pravigos la proverbon, ke nova jaro estas nova vivo, krom tio ke la hispana movado, pro sia matureco, estas en situacio solvi siajn problemojn, trovante por ĉiu kazo la konvenan homon kaj taŭgan personon, en garantio kaj pruvo, ke la sankta fajro de nia entuziasmo neniel estingiĝos, ĉar la brila heleco de ĝiaj flamoj, en blindigaj reflektoj de ekstrema pureco, estas spirita trezoro, kies alta valoro de supera simbolo ne meritas esti ĉiam rutine gardata de la sama koboldo!»

*La aplaŭdojn, kiuj unuanime tuj eksonis, la prezidanto prezentis kiel sinceran omaĝon kaj gratulon, al mia laboro, kaj ankaŭ kiel aprobon al la normoj de mia redaktoreco. Per malrapidaj paŝoj, mi forlasis la podion kaj revenis okupi mian sidlokon en la partero, denove fandiĝinte, kiel ordinara ero, en la entuziasman amason de fervora popolo en kunveno, kiu tiel abunde ĵus min dorlotis per la forta klakmuziko de siaj manoj.*

Sekvante la tagordon, okazas vigla debato por elekti la urbon de nia venontjara Kongreso; rimarkinde estas, ke ne okazis diskuto pri unujareco aŭ dujareco de niaj renkontoj; la realo ja pruvis, ke oni emas ĉiujare kongresi! Tamen, la emo organizi la ĉiujaran feston ne estas tiel granda... Oni laŭtigas kelkajn nomojn de gravaj urboj, sed unu *akaparis* la poentojn: Zaragozo, nesto de veteranaj samideanoj. S-ro Máñez, la obstina pioniro, loĝanta nun tie, promesas klopodi por konvinki la zaragozanojn, kaj respondi oportuntempe al la Estraro, pri la definitiva decido. En la periodo de ĝeneralaj demandoj kaj proponoj, intervenas sufiĉe da kongresanoj, farante sugestojn, kiujn oni notas. En unu punkto ree varmiĝas la atmosfero... pri la konveneco, aŭ ne, de tuja akazigo de ekzamenoj. S-ro Herrero vivigas polemikon pri tio, ĝis konklude oni decidas aranĝi bone organizitajn ekzamenojn, en la kadro de la venontjara Kongreso. Kaj... venis fino al la laboro! S-ro Solá, la prezidanto, diris la fermajn vortojn, kiuj tintas ĉe la de la arto. En la unuaj salonoj, kuŝas la skulptaĵoj el ŝtono kaj bronzo, ĉar la kolosa metalindustrio de la regiono ankaŭ ŝatas stampi sian markon al artaĵoj. Sur la muroj de sinsekvaj hele lumigataj ĉambroj, pendas la pentraĵoj, ordigitaj laŭ stiloj kaj epokoj. Kelkaj improvizitaj fakuloj, el inter la vizitantoj, klarigas detalojn de plej rimarkindaj verkoj. La pedeloj kaj oficistoj konstatas, ke la belo kaj la arto estas familiaraj inklinoj por la adeptoj de Esperanto, kiu ankaŭ estas ja --fiere ni diru tion!-- *arta* lingvo... Finiĝis la vizito al ĉiuj instalaĵoj, kaj denove la stratojn de la urbo ornamis svarmo de bluzoj kaj jakoj kun verdaj steloj. Oni *ĝis-revidas*, indikante la ĝustan situon kaj lokon de la enŝipiĝejo, post la tagmanĝo, por la

**PROMENO PER TRENŜIPOJ**
**AL BARACALDO KAJ SANTURCE**

*María del Mar* kaj *Sixto* estas la nomoj de du trenŝipoj, kiuj, je la tria posttagmeze, atendante nin, kviete balanciĝas apud kajo proksima de la Urbodomo. La pasaĝeroj diligente sin akomodis, en unu

**Lingvoperfekteco kaj lingvoflueco, en la esperantlingva esprimmaniero, estas la du karakteroj distingantaj la plej grandan parton de la hispanaj samideanoj. Tion mi konstatis kaj frandis dum la tre viglaj diskutoj, okazintaj en la Kongreso de Bilbao — Giuseppe Donadoni - Torino (Italio)**

oreloj, kiel sonorantaj belaĵoj de artistooratoro. Oni forlasas la kongresejon pli trankvile ol hieraŭ vespere. Estas tagmezo, kaj promene, laŭ sama direkto, sur vigle trairataj trotuaroj, ĉiuj ade renkontiĝas en angulo de la Parko de Bilbao, por la

**VIZITO AL LA MUZEO DE BELARTOJ**

Klasika portiko ornamas la fasadon de moderna konstruo el brikoj. Ĉe la sojlo, haltis la kongresanoj kaj ĉesis la konversacioj, ĉar gvidataj de oficistoj, oni eniras silente kaj respektoplene en tiun templon aŭ en alia, laŭ prefero de akompano. La ferdekoj pompis pro belaj kongresaninoj, eskortataj de *maltimaj* kongresanoj, el kiuj kelkaj *prudente* portis provizon da citronoj, por okazo de subita marmalsano... Najbare de urbaj flagoj, ankaŭ flirtas verdaj tukoj; fajfilegoj hurlas, motoroj bruas, helicoj turnas kaj la ŝipoj ekmoviĝas, en direkto al la haveno, fendante la akvojn de la marenfluejo, kiu aspektas kiel dresita rivero, ĉar viviga arterio kaj komunikilo ĝi estas, inter la urbo kaj la industria zono



de siaj bordoj. La marŝo pliviglîĝas; kaj, kvazaŭ en sporta vetkurado, oni huraas kiam unu ŝipo antaŭiras la alian. Arganoj kaj dokoj sin montras, en daŭra sinsekvo de plena aktiveco; en multaj el tiuj surbordaj fabrikoj, la laboristoj svingas la brakojn, salutante la verdajn flagetojn; ili ja scias pri la Kongreso kaj pri Esperanto.

La marŝo fariĝas pli modera; jen proksime jam la kolosa strukturo de la Altaj Fornoj en Baracaldo, la industria centro. Tie oni elŝipiĝas, akceptataj de oficistoj, kiuj ĝentile invitas viziti la internajn sekciojn. Stranga mondo estas tiu, kie gigantaj fandpotoj, kun inkandeske bolanta metalo, kreas bildojn en realo superajn al tiuj, kiujn la fantazio de Dante kreis por lia Infero... La vizitantoj rigardis la spektaklon je *diskreta* distanco, irante supren kaj malsupren, tra altaj pasejoj. Sed, rigardante la blokojn el fero, ankoraŭ ruĝaj pro ĵusa fandiĝo, mi ne povas ne pensi, kion farus plej talenta ĥirurgo sen siaj bisturioj, faritaj el hardita fero, liverata de tiuj blokoj, kiujn la esperantistoj gape rigardis manipuli meze de fajrego... Instrua estis la vizito, almenaŭ por konstati, denove sur la ŝipoj, kiel agrable estas libere enspiri freŝan aeron, ĝuste nun, kiam la ŝipoj rapide naĝas sub la impona Pendanta Ponto, kavazaŭ la poŝtkarto de la Kongreso estus akirinta vivon. Mevoj desegnas cirklojn super niaj kapoj, la impeta Kantabriko etendiĝas senfine; la kajoj de la haveno, en Santurce, sin proponas kiel komforta elŝipiĝejo, por alteriĝi kaj gustumi la famkonatajn sardinojn, kiuj, en preta drinkejo-restoracieto, sin oferas rostitaj, kiel vera delikataĵo el manĝebla arĝento. Tablojn kaj seĝojn oni plene okupas, por ĝui la tipan manĝon kun pli malpli sobraj trinkoj da acida pomvino.

La reveno okazis glate, sur la samaj ŝipoj; sed, en la krepusko, la akvo estis preskaŭ nigra, kun metalaj reflektoj de lumoj variaj. Ĉe la bordoj, arganoj kaj dokoj aspektis tiam kiel malprecizaj ombroj en la malheleco. Pro tio, la abunda iluminado de la urbo logis niajn ŝipojn, kvazaŭ ili estus papilioj. Jam sur firma tero, agrable oni priparolis la feliĉajn epizodojn de la veturado; kaj, antaŭ ol disiĝo, oni atentigis —ankoraŭ— ke post du horoj okazos la

**LITERATURA VESPERO**

En modesta kvartalo, kun stratetoj en deklivo, situas bela konstruo; ĝi estas la filia preĝejo de Sankta Nikolao, en kies apuda teatro-salono ree troviĝis nia diligenta kolegaro. La literatura festo havis familiecan karakteron; S-ro Solá prezidis, kaj S-ro Herrero prezentis la partoprenintojn, kiuj recitis aŭ deklamis elektitajn pecojn: S-ro Donadoni, italo; S-ro Luez, franco; S-ro Guiar, portugalo; S-ro Elezcano, el Bilbao; S-ro Morales, el Zaragozo kaj S-ro A. González Meana, el la astura urbeto Ciaño, multe ĝojigis la publikon, kiu montris alterne sian kontenton, per tre silenta aŭskultado kaj brua aplaŭdado. S-ro Solá, en bela enkonduko, faris komparon inter naturaj kaj artefaritaj floroj kun Esperanto; la unuaj —la naciaj lingvoj— estas ĉarma ornamo de valoj kaj montoj; la duaj, faritaj el ŝtofo, estas la senvivaj projektoj de lingvoj internaciaj; kaj Esperanto, kiel zorge prilaborita sintezo, estas parfumplena rozo en la pura ĝardeno de la homa komprenemo. Kaj, kiel organizanto de la festo, mi faris resuman paroladeton pri la mirinda fleksebleco de nia lingvo, kiu same taŭgas por seriozaj debatoj, kiel por intima interŝanĝo de subtilaj amindumaĵoj. La lastaj aplaŭdoj donis finon al la vespero kaj al la tuta intensa tago, dua de nia Kongreso, kies membroj ekdisiĝis, ŝajne kun la intenco senti ankoraŭ ĝiajn karakterizajn vibrojn, helpe de la kapkuseno.

## DIMANĈE — 9. AŬGUSTO

Anstataŭ fajfilegoj de fabrikoj, en la frua mateno de dimanĉo, vokas sonoriloj de preĝejoj. La Baziliko de Begoña, estas juvelo de artkitekturo, sur altaĵo de apuda monto. Tien venis, en daŭra alfluo, la refreŝigitaj kongresanoj por ĉeesti en la aranĝoj, kiuj tie devas okazi; unua estas la

**KOLEKTIVA FOTOGRAFADO**

Sur ŝtona ŝtuparo, en teraso malantaŭ la Baziliko, staras en bona ordo la granda amaso esperantista. La oficiala fotografisto estas ĉirkaŭata de multaj amatoroj, kiuj *pafas* rapide kaj alkuras tuj al la grupego por ankaŭ esti pafataj... Fine, la fotografisto levas la manon, petas kvietan pozon, kaj... afero solvita! Kvazaŭ birdoj, forflugintaj el rompita kaĝo, ĉiuj alkuras



al la vicoj de seĝoj, kiuj fermas spacon en la sama teraso, por komforte admiri la anoncitan spektaklon, kiu tuj sekvos kun la

**PREZENTADO DE BASKAJ DANCOJ**

*Txistulari* estas la nomo, en baska lingvo, de la muzikisto en la dancoj kaj popolaj festoj. Li ludas samtempe longan fluton kaj tambureton; laŭ takto de lia akuta kaj iom monotona melodio, paradis antaŭ ni kelkaj paroj da junaj gedancantoj, en riĉkoloraj kostumoj, desegnante turnojn de ĉarmaj dancoj, en kies primitiva simbolismo troviĝas nuancoj de pratempaj

neniam okazinta. Kun la esperantistoj ĉeestis multe da ekstera publiko, kiu konsciis pri la belsoneco de Esperanto, lingvo taŭga eĉ por anĝeloj... kiel mi aŭdis flustre diri. Honore al tiuj ĉeestintoj, la predikanto faris paroladeton, en hispana lingvo, pri la noblaj celoj de Esperanto, kiel efika rimedo por fratigi la homojn, sub la ŝirmo de la Eklezio. La trafaj paroloj de nia respektinda pastro kaj kara samideano estis tre oportunaj; ĉar, diritaj en la Baziliko, ili gajnis altan kategorion,

Jes, dimanĉo en Bilbao estas kompleta

**La Kongreso en Bilbao, kvankam nur nacia, estis por mi —franca esperantisto— treege interesa.**
**Daniel Luez** — Laon (Aisne) Francio.

***Via Kongreso estas neforgesebla!*** — **Maurice Mongeois** -Esperanta Grupo de Epernay-Marne (Francio)

moroj. La junuloj, per altaj saltoj kaj regulaj paŝoj, interplektas harmoniajn movojn, kun stangoj kaj spadoj, ĉar temas pri militaj dancoj, por kiuj oni bezonas forton. Siavice, la junulinoj, per gracilaj movoj, prezentis delikatajn scenojn de kamparana baleto: infaninoj, kiuj vekas envion, unuj al la aliaj, per maturaj pomoj; ŝpinistinoj, kiuj rondiras ĉirkaŭ stango kun rubandoj, k.t.p. Ĝis fine, ili ĉiuj kune, post la adiaŭa honora danco, defilis meze de varmaj aplaŭdoj, kiel finalo de tiu bela folklora prezentado. La teraso transformiĝis, refoje, en subĉiela klubo de fotoamatoroj; ĝis oni avertis, ke estas horo por

**LA SANKTA MESO**

...Kaj silente oni eniris en la navon de la svelta Baziliko, en kies centra altaro tronas la Dipatrino de Begoña, sankta patronino de Bizkajo kaj ankaŭ, pro tio, nunjare, de la hispanaj geesperantistoj. Ambaŭflanke de tiu ĉefa altaro, troviĝis la delegitoj de sekcioj, krom la gravuloj de la Federacio, dum la tuta daŭro de la sankta meso. En la predikejo, mirindaĵo el ĉizita ŝtono, aperis la respektinda figuro de pastro J. Casanova, nia tradicia predikanto, kies karesa voĉo nur estas aŭdata publike unu fojon en la jaro, kiel ĉiela donaco, dum la religia solenaĵo. Longe li predikis nunjare pri konkordo kaj amo, sub la universala signo de la kruco. En la majesta kaj grandioza navo, la esperantaj vortoj estis io nova, io rava, ankoraŭ tie



dimanĉo, t. e. tago de ripozo, sed ankaŭ tago de masiva manĝo. Pro tio, la gajaj kongresanoj, por obei tiun regulon, jam ekstere de la preĝejo, disigitaj en viglajn grupetojn, aranĝis planojn kaj serĉis veturmanierojn por iri supren de kontraŭa monto —ho, Bilbao, urbo inter montoj!— kie, en fama restoracio, ĉio estis preta por

**LA OFICIALA BANKEDO**

Proverbe estas dirite, ke multaj vojoj kondukas al Romo; sed ankaŭ en la hispanaj kongresoj, la esperantistoj scius iri pli aŭ malpli rekte al la loko de la bankedo, eĉ se ĝi okazus en mezo de labirinto. Tial, por iri de Begoña ĝis la atendantaj tabloj, multaj elektis la sporteman rimedon promeni laŭ serpentumanta irejo, kondukanta inter montoj al la oazo de Archanda, kie gluitaj afiŝoj en «Chacolí Popular», la restoracio kaj fina etapo de la pilgrimado, vokis la alvenantojn. En interna teraso, ĉe ombro de fortikaj arboj, eĉ profitante la spacon de pilkludejo, longaj tabloj, en paralelaj formacioj, kun la baterio de abunda servico, avertis *minace*, ke sen apetito oni tie ne rajtas sidi... Ĉiuj, tamen, eksidas kaj frapetas sur la glasojn, per kuleroj, atentigante la kelnerojn, ke apetito ne mankas; ankaŭ ne la kutima bona humoro, kiu, iom post iom, altigas sian ritmon, kredeble pro influo de la sekvanta

**MENUO**

| | |
|---|---|
| *Almanĝetoj* | *Hejmeca Glaciaĵo* |
| *Sepio kun propra suko* | *Fragoj kun Kremo* |
| *Duona Kokido kun salato kaj pimentoj* | *Ruĝa kaj Blanka Vino* |
| | *Kafo kaj likvoroj* |

En la prezidejo, sidis ĵurnalistoj kaj reprezentantoj de la aŭtoritatoj, kiuj, en la momento de la tostoj, laŭtigis gratulojn. Al ili adekvate oni respondis kaj dankis, kun ornama interveno de S-ro Solá, elokventa kiel ĉiam. Jam post tio, tonditaj la bridoj de la oficialaĵoj, sen difekto de plej eta normo de la bona gusto, en disaj rondetoj, oni rakontis anekdotojn, oni kantis kanzonojn el la baska folkloro aŭ el la esperanta antologio, dum tie, en aliaj grupoj, ankoraŭ ne elĉerpiĝis la seriozaj temoj pri organizaj metodoj aŭ projektoj.

Meze de posttagmezo, la fermita teraso estis tro malvasta; la gejunuloj iniciatis la foriron, por senĝene promeni tra la libera pinarbaro, ĝis la balustrado de natura belvedero, de kie oni rigardas la urbon kaj ĉirkaŭaĵojn, kvazaŭ de sur aviadilo.

La suno subiris; kaj ankaŭ foje kaj foje subiris elektra veturilo, sur deklivo de ŝnurfervojo, ope portante nin al la urbo, grandiĝanta pomomente, laŭ akcelo de malsupreniro. Ĉar tute libera la vespero, kanapoj de kafejoj aŭ... benkoj de parkoj ebligis ŝancojn por kunesto, antaŭ ol ĉiuj sin lasis luli en la paco de la dormo.

## LUNDE — 10. AÚGUSTO

En la mateno de lundo, la devo de la laboro nepre sin trudas, post la paŭzo de dimanĉo; sed, en frua horo, kiam fabriklaboristoj, komizoj kaj oficistoj iris al siaj okupoj, la kongresanoj --ankoraŭ en ferio-- marŝis al renkontiĝo por partopreni en la

### EKSKURSO AL LA BASKA MARBORDO

Aŭtobusoj startis for de la urbo, englutante kilometrojn, sur la verda veluro de senfinaj herbejoj, kiuj tegas montojn kaj valojn, sub la griza ombrelo de konstantaj nubegoj. Malgraŭ tio, la pejzaĝo estas varia kaj daŭre ŝanĝiĝanta en ĉiu el la diversaj etapoj, kie oni haltis dum la ekskurso: Bermeo, fiŝkaptista haveneto, tre pitoreska; Pedernales, kun paradiza insulo; Guernica, historia urbo de la sankta arbo, simbolo kaj emblemo de antikvaj tradicioj; Lequeitio, ŝika plaĝo kun luksaj palacoj... Jen, do, taŭga haltejo por tagmanĝo; sekve, tie oni naĝis kaj ludis, oni manĝis kaj ripozis. ĝis la kvina posttagmeze, kiam la veturiloj ree glitis sur zigzagaj vojoj, renkonte al pliaj vidindaĵoj: Ondarroa, tipa vilaĝo, sperta en la produktado de forte acida pomvino; Deva, gracia domaro, kiel viva reklamilo de turismo, nur iom flanke en nia direkto al Eibar, fokuso de pulsanta industrio kaj lasta etapo de la ekskurso, ĉar oficiale invitata de la urbestro, la Kongreso translokiĝis tie por la regula ceremonio de

### LA ADIAŬA KUNVENO

En vasta preskaŭ kvadrata placo, situas la Urbodomo; ĉe la portalo kolektiĝis la kongresanaro, por kune supreniri al la festsalono, kie jam atendis la urbestro, S-ro Orbea, kiu estis tuj komplimentata de niaj gvidantoj, dum bonorde pleniĝis la solenejo. S-ro Orbea salutis ĉiujn kaj dankis la longan veturon por vizito, kiun la urbo konsideras alta honoro. Sekvis fluo de oportunaj salutoj; kelkaj kun merititaj laŭdoj por la fervoro de la urba pioniro, S-ro Arizmendi, kiu ne povis kaŝi sian emocion. S-ro Fernández Méndez, el Lugo, faris interesan klarigon pri la jura kaj leĝa situacio de Esperanto, kiel pure neŭtrala lingvo. Tuj poste, oni invitis min fermi la broĉon de la adiaŭo; per voĉo iom laca, pro daŭra eluziĝo, mi diris «ke, same kiel aŭroro estas natura sekvo de nokto, fino de ĉiu kongreso nia nur estas anonco de komenco de alia kaj aliaj, en ringo de senfineco, spite la morton...» Miaj vortoj forigis melankolion en la patoso de tikla momento. Pozitiva reago tuj sekvis: S-ro Máñez, kun juneca ardo, saltis en la podion por laŭte deklari, ke estas akceptite okazigi venontjare la Kongreson en Zaragozo! Uragano da aplaŭdoj sigelis la deklaron; kaj tiuj aplaŭdoj, kvankam ne por mi, sonis plej agrable ĉe miaj oreloj, same kiel la versoj de la himno en la ferma kunkanto, kiu agorde resumis la sencon de ĉiuj paroloj, kun esenco de ĉies deziroj...

---

Bilbao restis sen la kongresanoj, ĉar la Kongreso finiĝis; sed, en urboj kaj vilaĝoj malproksimaj, ne estingiĝos la eĥoj de nia nunjara festo, kiuj longe vibros, kiel dolĉa resono de feliĉaj temperoj, tiel intensaj kaj persistaj, en sia efemera flugo, ke agrablaj rememoroj estontece konkurencos kun obstinaj esperoj, en la valso de l' memoro de multaj esperantistoj.

LUIS HERNANDEZ



## EN ZAGREBO, LA KROATA ĈEFURBO, BRILIS LA 38ª UNIVERSALA KONGRESO

Kun la kutima sukceso, kiun la praktika apliko de nia lingvo garantias al ĉiu internac( kunveno, okazis la ĉi-jara universala renkontiĝo de la esperantistaro. El inter 1760 aliĝintoj el 30 landoj, ĉeestis fakte pli ol 1500. Okaze de la Kongreso, estis eldonataj du oficialaj Esperanto-poŝtmarkoj kaj oni donis al nova strato, la nomon de D-ro Zamenhof. Tre atentinda estas la fakto, ke UNESKO sendis observanton, kiu sekvis la debatojn kun vera intereso. Bona estis ankaŭ la eksperimento de publika kunveno de la Akademio, sub prezido de S-ro Isbrucker, kun tre viglaj diskutoj pri la prezentitaj temoj: Prononco de la vokaloj, la «tiom-kiom-demando», la landnoma finaĵo kaj la supersignitaj literoj. Dum tute kompleta semajno, la esperantista popolo publike laboris, instruis kaj amuziĝis.

En la Ferma Kunsido, oni aplaŭde aprobis la tekston de jena REZOLUCIO:

*«La 38ª Universala Kongreso de Esperanto apelacias al la naciaj kaj internaciaj oficialaj instancoj, serioze konsideri la praktikan valoron de Esperanto, kiel internacia komprenilo. Kun kontento ni registris la intereson pri Esperanto de* UNESKO, *kiu al la Zagreba kongreso sendis observanton. Ni atendas, ke la koncernaj aŭtoritatoj, en la diversaj membroŝtatoj de* UNESKO, *plej detale kaj sen antaŭjuĝo esploru la jam atingitajn rezultojn kaj la eblecojn de la lingvo, kaj ke ili faru al* UNESKO *konkretajn proponojn por la utiligo de ĉi tiu plej valora kaj praktika solvo de la monda lingvo-problemo».*

Matene en la dimanĉo okazis katolika diservo kun esperanta prediko de la respektinda dekano Jakob Bergweiler pri la temo: «Laŭdu Dion ĉiuj popoloj, ankaŭ en Esperanto!» La venontjara 39ª Kongreso okazos en Haarlem, la bela nederlanda urbo de la tulipoj.

## LA 24ª INTERNACIA KONGRESO DE KATOLIKAJ ESPERANTISTOJ EN LOURDES

En la famkonata franca urbo, de la 13ª ĝis 16ª de Aŭgusto, okazis la 24ª Kongreso de I. K. U. E. sub la honora patronado de altrangaj ekleziaj eminentuloj, inter ili Monsinjoro Doménech, ĉefepiskopo de Zaragozo. Ĉeestis 60 gekongresanoj, sed pro la granda striko, dum tiuj tagoj, en la tuta lando, mankis la partopreno de multaj aliĝintoj. Tamen, ĉiuj aranĝoj sufiĉe glate funkciis. La urbestro de Lourdes bonvenigis la kongresanojn. Pastro Thalmaier disertis pri «La universaleco de la Eklezio kaj la paco». Oni faris viziton al la tombo de pastro Peltier (fondinto de «Espero Katolika») kie oni surmetis memorigan tabuleton. Krom tio, okazis laborkunsidoj, ekskursoj kaj solenaj Sanktaj Mesoj, kiujn celebris la pastroj: Beckers, italo; Thalmaier, germano; Carolfi, italo. La Sankta Meso en la 14ª estis sekvata de krucvojo. En ĉi tiu Kongreso ĉeestis atentinda nombro da hispanaj gesamideanoj, kiuj veturis al Lourdes, tuj post la Hispana Kongreso en Bilbao.

## EN LA KASTELO WORTLEY HALL, EN SHEFFIELD, OKAZIS LA 26ª KONGRESO DE S.A.

En laborema kaj familia atmosfero, kolektiĝis 190 gekongresanoj en tutsemajna agrabla kunvivado. Post la solena malfermo okazis publika kunveno, kun muziko, en plenaero. Salutis la vic-urbestro de Barnsley kaj sindikataj delegitoj. Tri laborkunsidoj, kvin prelegoj kaj unu demand-vespero konkrete montras kiel multe oni profitis la tempon.

## SFINKSA ANGULETO

### LA TESTAMENTO DE ARABO

*Maljuna arabo testamentis tiel: «Kiam mi mortos, mia filo heredos la duonon de la kamelaro gardata en la tendaro; mia nevo heredos la trionon; kaj al mia fidela servisto Ali mi donas la naŭonon». Azraelo, la anĝelo de la Morto prenis kun si la bonan maljunulon. La parencoj volis plenumi lian volon; sed ili restis konfuzitaj, ĉar la posedaĵo konsistis el 17 kameloj, numero havanta nek duonon, nek trionon, nek naŭonon. Ili vokis saĝulon, kiu post pripenso, konsilis... kaj facile, tre facile, oni plenumis la testamenton.*

**Kia estis la rimedo de la konsilanto?** Oni akceptos solvojn ĝis 24. Oktobro

SOLVO DE LA PROBLEMO **LA MEZURADO** EN LA PASINTA NUMERO
**19 moneroj de 5 pesetoj kaj 11 moneroj de 2 pesetoj**

**Kiel rekompenco al daŭra plugado sur la sulko, venos abunda rikolto.**

**UN BUEN OBSEQUIO** *para vuestros amigos y corresponsales del extranjero es el presente número extraordinario, que puede adquirirse a* cinco *pesetas el ejemplar. Si se nos mandan las direcciones, lo expediremos directamente, corriendo a nuestro cargo el franqueo*

## ANONCETOJ

**Ni akceptas anoncetojn kiuj rilatos al nia afero. Unu peseto au unu r-k. validas por du vortoj. Tri mallongigaj literoj valoras kiel unu vorto. Aparta tarifo por specialaj anoncoj.**

Dez. korespondi kun malproksimaj landoj S-ro Francisco Granell Genís, str. Colón, 11 Grupo de San Narciso - GERONA (Hispanio)

Deziras korespoudi kun hispanoj, juna japana esperantisto. Ŝintaro Ohaŝi - 1; 12, Takamiĉi-Nakamura - NAGOJA (Japanio)

Ses junaj lernantinoj 13-15-jaraĝaj deziras korespondi. Skribu al: R. Reuchlin Körner - strasse, 30 MANNHEIM - Faudenheim (Germanio)

Juna portugala samideano deziras koresp. kun hispana fraŭlino por praktikado de Esperanto. José María Martins — Rua da Bainharia, 64, 4.° — PORTO (Portugalio)

Mi sendos bildkartojn pri kostumoj el mia lando al ĉiu fraŭlino, kiu dez. korespondi kun mi, S-ro Jer. Harmens — Sanatorio «Beatrix» — APPELSCHA (Fr.) Nederlando

Dez. interŝanĝi poŝtmarkojn kun hispana filatelisto S-ro Rudolf Keil — Bahnhof-strasse, 13 (23) — RASTADE (Germanio)

Dez. korespondi kun hispanaj fervojistoj S-ro. Méheust — 37 Rue de la Sabliere — COMBERON (Seine) Francio —

**ATENTU! IRLANDO VOKAS VIN!**

Oni deziras korespondadi kun hispanoj: S-ro Risteard O'Glaisne - Dún na Coille-Droichead na Bandan - CO. CHORCAI (Eire)

Franca fervojisto dez. koresp. kun hispanoj **S-ro Henri Roussier** 54, Rue Orbe ⁘ ROUEN (Francio)

Pluraj membroj de Esperantista Societo de Sanatorio Sengokuso (Nagose - KAIZUKA) (Osaka-fu) **Japanio**, dez. koresp. kun hispanoj

Deziras korespondadi kun ĉiuj landoj kelkaj gejunuloj de «Grupo Esperantista JUNULARO», str. Dr. Nácher, 13, Correos CHIVA (Valencia) Hispanio

## ESPERANTISTA VIVO

*Nia kara amiko J. Juan Forné kaj lia edzino, el la Valencia rondo, ĝojas pro feliĉa naskiĝo de ĉarma filineto Marinjo. Koran gratulon!*

SFEROKRAJONO KUN LA NOMO «ESPERO»

Estas eldonata de la itala firmo: L. e M. Copercini, Via Bruino, 3 - **Torino,** laŭ propono de nia samideano Aleviano Bisetti. Temas pri sferokrajonoj diverskoloraj kun surpresita nomo «Espero» kiuj, zorge ellaboritaj kaj bele prezentataj, estas tre taŭgaj skribiloj por esperantistoj. Sendu gratulojn al la nomita firmo!

**ATENTU!**

**Katolika preĝlibro: TUTMONDA LAŬDO**
**de H. G. Wannemakers, S. J.**
**Prezo: 55 pesetoj**

Poŝtkartoj kun Portreto de D-ro Zamenhof po 0'50 pesetoj. Ankaŭ restas poŝtkartoj de nia Kongreso en Bilbao, kiujn ni finvendas po 0'75 pesetoj

**Mendu ĉe**
**Libroservo de Hispana Esperanto-Federacio**

## PARA NUESTRO BOLETIN

(Donativos correspondientes a Agosto-Septbre. 1953)

| | | |
|---|---|---|
| Suma anterior | 2.804 | Ptas. |
| Nordano - Bilbao | 60 | » |
| D. Dopico - La Coruña | 25 | » |
| M. Derungs - El Ferrol | 5 | » |
| R. Buisán - Palencia | 5 | » |
| J. Oliveras - Barcelona | 10 | » |
| D. Lloréns - Valencia | 20 | » |
| I. K.-Servo - Sabadell | 100 | » |
| A. García - Bilbao | 15 | » |
| X. X. - Zaragoza | 50 | » |
| J. M. Bolea - Zaragoza | 10 | » |
| J. Pérez - Valencia | 5 | » |
| J. Domingo - Burjasot | 10 | » |
| P. Alcedo - Bilbao | 10 | » |
| J. Calahorra - Bilbao | 10 | » |
| M. Ortigosa - Zaragoza | 5 | » |
| Amikoj de Esperanto - Lisboa | 100 | » |
| F. Alsina - Barcelona | 25 | » |
| E. de los Toyos - Eibar | 50 | » |
| V. Benet - Alboraya | 10 | » |
| F. Pinedo - Madrid | 67 | » |
| D. Muñoz - Catarroja | 5 | » |
| J. Gil - París | 100 | » |
| S. Cubero - Guadalajara | 10 | » |
| O. Corrons - Valencia | 4 | » |
| Total | 3.515 | » |

*Es de suponer que el presente número estimulará las energías de nuestros amigos para que se acuerden de esta sección...*

**Eldonkvanto de ĉi tiu numero: 1.250 ekzempleroj**

PERIS-GRAN VIA M. TURIA, 28-VALENCIA

La urbestro de Bilbao, S-ro Zuazagoitia, salutparolas al la kongresanaro en la araba salono de la Urbodomo.



...Kun la agrabla komplemento de riĉa lunĉo, kiun oni dece honoris.



Sen manko de bona humoro, kiam oni lasis sin porti dum la ŝipveturado...